leur patrie où ils pourront développer de nouveaux centres actifs. Quant aux Belges, ou bien ils retourneront en province pour y continuer la vulgarisation déjà commencée, ou bien ils partiront également vers d'autres pays pour y devenir des agents de propagande plus importante encore.

L'agent principal et indispensable de cette multiplication sera *le professeur*, l'Espérantiste dévoué qui permettra la formation d'un cercle d'étudiants utile, l'homme enfin qui voudra bien pousser la générosité jusqu'à initier de nombreux jeunes gens à une langue destinée à devenir beaucoup plus utile au point de vue international que l'ensemble des 10 autres langues que l'on s'efforce actuellement, souvent en vain, à leur apprendre.

Or, le professeur nous manque !

Comme vous serez le promoteur de l'idée initiale, c'est à vous, cher Président, que s'adresse un jeune étudiant pour le mettre en rapport avec le professeur nécessaire, parce que vous êtes seul à même de désigner votre remplaçant.

Attendant une réponse favorable, je vous remercie pour vos bontés à l'égard du monde estudiantin, et vous prie de recevoir mes salutations respectueuses.

Leofold Moelants.
étudiant à l'Institut de Commerce,
Rue des Peintres, 51.
*Anvers.*

*Note du Secrétaire.* — Notre président a répondu personnellement à M. Moelants, afin qu'il s'adresse à notre groupe si actif d'Anvers.

novajn agemajn centrojn. Pri la Belgoj, ĉu ili reiros en provincoj por daŭrigi la jam komencitan vulgarigon, ĉu ili ankaŭ elmigros al aliaj landoj por farigi agentoj de ankoraŭ pli grava propagando.

La ĉefa kaj necesega ilo de tiu multigo estos le profesoro, la sindonema Esperantisto kiu helpos fondon de Klubo de Studentoj, unuvorte la homo kiu sinproponos por iniciatigi al multaj junuloj, lingvon difinitan por multe pli utili, je la internacia vidpunkto, ol la aro da 10 aliaj lingvoj, kiujn, ofte vane, oni instruas malfacile.

Nu, la profesoro mankas por ni !

Ĉar vi estos la iniciatoro de tia ideo, al vi kara Prezidanto, sin turnas juna studento por ke vi bonvole konatigu al li la nepre necesan profesoron ĉar vi estas difinita por elekti vian anstataŭulon.

Atendante favoran respondon, mi dankas vin por via afableco kontraŭ la studenta mondo kaj prezentas al vi, mian respektplenan saluton.

Leopold Moelants,
Studento ĉe la Komerca Instituto,
rue des Peintres, 51,
*Antverpeno.*

*Noto de la Sekretario.* Nia prezidanto respondis persone al S. Moelants por ke li sin turnu al nia agema grupo en Antverpeno.

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA.

### Triliniaj Novaĵoj.

Esperantajn dokumentojn por la Ekspozicio Internacia Stenografia en Szeged, 1907, oni sendu al Sro Z. Baranyai, Szeged, III. Ker. polg.

La 13a de Januaro okazos en amfiteatro Richelieu, ĉe la Sorbonne, Parizo, disdonon de la premioj al la lernantoj de la kursoj de la Pariza Grupo.

El Madagascar Insulo, oni anoncas fondon de la Esperantista Grupo de Tananarive, prezidanto Kapitano Fortin.

Ni deziras baldaŭan resanigon al nia sindonema samideano, J. Borel, el Berlino, kiu ne povas plu labori por nia afero, pro malsano.

La loka Komitato por la Kongreso en Cambridge elektis titolon : « La Trio por la Tria », kaj devizon: « Havu fidon, helpu kaj venu ! »

La Bohemaj Esperantistoj baldaŭ havos sian ĵurnalon. La Esperanta Klubo en Praha tion decidis. Redaktoro Sro Ed. Kühnl. Abono 3.75 fr.

La « Mergenthaler Linotype Company » el New York, liveras la ĉapelitajn literojn por siaj maŝinoj al la ĉiutagaj ĵurnaloj Amerikaj.

La Komercakademio el Hamburg (Germanlando) komencis novan kurson ; tiu instituto havas jam tri instruistojn.

Nova grupo fondiĝis en Berlino. Celo : helpo por profitoj al ĉiuj membroj, biblioteko, k. c. adreso : Internacia Klubo de l'Esperantistoj, Berlin N. W. 52 Lüneburgerstr. 30III.

La Socialista Societo « De Werker » el Antverpeno proponis paroladon pri Esperanto, al unu el nia plej fervoraj samideanoj, kiu akceptis.

El insulo Malte oni sciigas ke tie estas ĉirkaŭ 500 adeptoj. Konsuloj : Dro G. Busutill, 1, Ŝbieŝ, Misida Malto, kaj V.A. Colombo, 16-17 Marina Valleta, Malto.

Kelkaj amikoj demandis nin pri la grupoj fotografitaj en Ĝenevo dum la Kongreso, kiujn ili mendis ? Nenian respondon ni povas fari.

El Stuttgart, oni anoncas fondon de « Internacia Koresponda Societo » (I. K. S.) pri internaciaj rilatoj. Adreso : Kasernenstr, 20, Stuttgart (Germanlando).

Oni organizas ankaŭ Internacian Societon de l'Esperantistaj Juristoj. Ĝenerala Sekretario : Sro Sergeant, 31, Bulvardo Mariette, Boulogne s/M. (France).

La « Franca Gramatiko » de Sro P. Boulet, kun antaŭparolo de rektoro E. Boirac, estos proksime disdonita al la subskribantoj.

Grupo da Komercaj oficistoj fondis la Klubon Esperantisto « Merkurio » en Rotterdam. La Sekretario estas : Sro Bakker, Hoogstr. 218, Rotterdam (Holando).

Nia sindonema samideanino Rosa Junck faris kursojn en Milano kaj de nun, fondo de la Milana grupo estas certa. Ni gratulas ŝin.

La organizantoj de la Ekspozicio de Jamestown (U. S. A.) intencas daŭrigi la proksiman kongreson de Cambridge en Norfolk dum la fino de Aŭgusto.

Niaj anglaj amikoj jam rikoltis sumon da 22500 frankoj por pagi la elspezojn de la venonta kongreso ! Ni gratulas la Trion.....

Oni intencas aranĝi specialan kongreson de blinduloj en Cambridge, kaj oni kalkulas ke ili estos sufiĉe nombraj kaj malsame naciaj por fari impreson.

Dro Hanauer, el Frankfurt, skribis al Komto Ch. Lemaire kaj proponis al li tradukon en Germana lingvo de lia verko Tra Mez-Afriko.

Mozano.

## Vers la langue auxiliaire internationale. (1)

*L'Indépendance belge* a bien voulu m'ouvrir ses colonnes pour y tenir ses lecteurs au courant des progrès de l'Esperanto, solution triomphante du problème de la langue seconde, la même pour tous.

L'avant-garde qui a combattu ce bon combat, malgré sarcasmes et résistances, a vu s'allonger singulièrement la colonne des nouveaux combattants, et ce premier corps d'armée se réjouira de l'accueil que veut bien lui faire un des grands journaux belges si spécialement apprécié à l'étranger.

Pour moi, je m'efforcerai de montrer objectivement les caractéristiques de cet irritant problème de l'enseignement des langues étrangères, vivantes ou mortes; à ceux qui croient nous accabler en nous traitant d' « internationalistes », je répondrai que je ne les comprends pas; s'ils continuent à affirmer que l'Esperanto est la langue des « sans patrie » je leur dirai que je ne les comprends pas; aux autres je me contenterai de signaler qu'il est de bons internationalistes dont le but est de se mettre en rapport le plus possible avec les étrangers, pour leur emprunter ce qu'ils ont de bon et d'utile, et propager chez eux ce que nous avons nous-mêmes de bon et d'utile.

Je montrerai les applications déjà faites de l'Esperanto à l'amélioration du sort des aveugles; je signalerai l'importance de son application aux services de la Croix-Rouge sur les champs de bataille; je répéterai, après d'autres, que si la guerre est encore, malheureusement, un mal nécessaire, il est du devoir de tous les hommes qui ont le cœur à la bonne place d'en atténuer les horreurs, et que l'Esperanto a là, en vérité, un beau rôle à remplir et qu'il n'y faillera certainement point. Je citerai, du général Bailloud, les graves paroles suivantes : « Au cours de la campagne de Chine, j'ai eu à commander une colonne mixte comprenant des contigents français, anglais, allemands, italiens J'ai donc pu constater, par expérience, combien aurait été utile à tous une langue commune, qu'ils auraient pu apprendre à parler suffisamment pendant le temps qu'a duré le voyage du pays d'origine au point de débarquement. »

Je rappellerai peut-être les conversations plutôt peu brillantes au cours d'une réception franco-russe :

« Vive la France ! monsieur ! » disait de temps à autre, en français, un officier russe, avec un mauvais accent.

« Vive la Russie ! » répondaient les Français, en mauvais russe, et c'était tout !

Le reste du temps se passait en mimiques grotesques et en libations nombreuses.

Je rappellerai aussi qu'en août 1905 — hier — à Portsmouth, les délégués russes et japonais discutaient les conditions de cessation de la boucherie mandchourienne. Ils employaient quatre langues : le russe, le français, l'anglais, le japonais. M. Witte utilisait tantôt le russe, tantôt le français, que M. Nabokoff traduisait en japonais à M. Komura ;

(1) Extrait de « L'Indépendance Belge » 1er octobre 1906.

## Al la internacia helpanta lingvo. (1)

La ĵurnalo « L'Indépendance Belge » (La Belga Memstareco) bonvole min akceptis por ofte konatigi, al ĝiaj gelegantoj, la progresojn de Esperanto, triumfa solvo de la demando pri la dua lingvo, sama por ĉiuj.

La antaŭ-gvardio kiu batalis por tiu nobla celo, malgraŭ sarkasmoj kaj kontraŭbatoj, vidis malantaŭe pligrandiĝi senĉese la armean kolonon de la novaj kunbatalantoj kaj tiu unua «Korpuso» ĝojiĝos pro la akcepto, kiun intence faris al ĝi unu el la gravaj belgaj ĵurnaloj, tiel speciale ŝatinda eksterlande.

Pri mi mem, mi penados montri reale la karakterizojn de tiu incitanta problemo pri la instruado de la fremdaj lingvoj, vivantaj aŭ mortintaj; al tiuj, kiuj kredas nin subpremigi, nomante nin « internaciistoj » mi respondos ke mi ne komprenas ilin; se ili daŭrus jesigi ke Esperanto estas la lingvo de la « senpatra-landuloj » al ili mi diros ke mi ne komprenas ilin; al la aliaj mi nur montre diros ke ekzistas bonaj internaciistoj de kiu celo estas rilatiĝi la plej eble kun alilanduloj por prunte preni de ili tion, kio estas bona kaj utila kaj propagandi inter ili tion, kion ni havas — ni mem — bonan kaj utilan.

Mi montros la aplikadojn jam faritaj per Esperanto por la plibonigo de sorto de la blinduloj; mi atentigos al la graveco de ĝia aplikado en la servoj de la Ruĝa-Kruco sur la batalkampoj; mi ripetos, post aliaj, ke se la milito estas ankoraŭ, bedaŭrinde, necesa malbono, la devo de ĉiuj homoj, kiuj havas la koron en « difinita loko », estas malpliigi ĝiajn terurojn kaj ke Esperanto havas, vere, belan rolon plenumotan kaj certe ĝi ne mankos. Mi citos la sekvantajn parolojn de la generalo Bailloud: « Dum la Sina militado, mi estis komandanta miksitan rotaron enhavantan kontigentojn francan, anglan, germanan, italan. Mi do povis konstati, eksperimente, en kia grado estus utila por ĉiuj, komuna lingvo, kiun ili estus lernintaj, por sufiĉe bone paroli, dum la tempo necesa por la vojaĝo de la patrolando ĝis la havro de elŝipiĝo. »

Eble mi memoros la interparolojn, malmulte brilaj, dum franca-rusa ricevfesto :

« Vivu Franclando! sinjoro! » rusa oficiro diris iafoje per franca lingvo mallerte akcentigita.

« Vivu Ruslando! » respondis la Francoj per malbona rusa lingvo, kaj nenio plu.

La cetera tempo pasiĝis dum interŝanĝis groteskaj pantomimoj aŭ multnombraj oferverŝoj.

Mi memoros ankoraŭ ke, dum aŭgusto 1905 — kvazaŭ hieraŭ — en Portsmouth, la rusaj kaj japanaj delegitoj diskutis la kondiĉojn pri haltigo de la Mandĉuria buĉado. Ili uzis kvar lingvojn : rusa, franca, angla kaj japana. S^ro^ Witte uzis jen rusa, jen franca lingvoj, kiujn S^ro^ Nabokoff tradukis japane al S^ro^ Komura; tiu ĉi respondis japane kaj la

(1) Traduko el ĵurnalo « L'Indépendance Belge » 1a de Oktobro 1906.

ce dernier répondait en japonais, que le secrétaire traduisait en français. Le traducteur japonais, comprenant mal le français, il lui arrivait de traduire incorrectement, si bien que M. Witte et M. Komura discutaient sur des points qui n'avaient nullement été soulevés par eux ; enfin on découvrait l'erreur et l'on recommençait une discussion nouvelle.

Et pendant ce temps, de l'autre côté de l'Atlantique, à Boulogne-sur-mer, le premier congrès espérantiste mettait en présence des centaines de gens de toutes conditions, venus de vingt pays différents, et qui s'entendaient et se comprenaient à merveille.

Quel contraste ! Quelle expérience décisive !

***

Je montrerai surtout l'erreur dans laquelle versent ceux qui présentent une langue auxiliaire internationale comme l'ennemi mortel des langues actuellement parlées. Je ferai voir, en particulier que singulièrement averti serait le peuple qui s'aviserait dès maintenant d'introduire l'Esperanto dans tout son enseignement officiel ; chez un tel peuple, en effet, se formerait la première littérature espérantiste qui, tout naturellement, comporterait la traduction des œuvres, donc des idées nationales ; et ainsi, partout où se lit déjà l'Esperanto, se liraient les œuvres capitales de ce peuple d'initiative qui en retirerait, n'est-il pas vrai, tout bénéfice ! Et ce sans avoir imposé les difficultés de sa langue !

***

Je montrerai les tares de nos langues, avec exemple de formations et de déformations incessantes et non conscientes ; et pourtant je ferai voir pourquoi on aime sa langue maternelle, pourquoi on l'aimera toujours ; et on verra que, par les mêmes raisons que je dirai, on ne peut aimer ainsi qu'une seule langue, ne connaître à fond qu'une seule langue.

Je ferai justice de ce lieu commun : « On va partout avec le français, l'anglais et l'allemand » ; cela n'est vrai que pour les voyageurs en chambre.

COMMANDANT CH. LEMAIRE.

sekretario tradukis france. La japana tradukanto malbone komprenis la francan lingvon kaj okazis ke li tradukis nekorekte, pro tio S[oj] Witte kaj Komura interdiskutis pri punktoj, kiujn ili ne intencis trakti ; fine oni trovis la eraron kaj oni rekomencis novan diskuton.

Kaj dum tiu tempo, sur la alia rando de la Atlantika Oceano, en Boulogne-sur-Mer, la unua Esperantista kongreso kunigis centojn da personoj de ĉiuj situacioj, alvenitaj el dudeko da malsamaj landoj, kiuj interkonsentis kaj komprenis unu la aliajn perfekte.

Kia kontrasto ! Kia decidiga eksperimento !

***

Mi montros precipe la eraron al kiu inkliniĝas tiuj, kiuj prezentas helpantan lingvon kiel morteman malamikon de la lingvoj nune uzitaj. Mi montros aparte, la rezultatojn, kiujn akirus la prudenta popolo, kiu de nun, enkondukus Esperanton en sia oficiala instruado ; efektive ĉe tia popolo formiĝus la unua esperanta literaturo kiu, tutnature, enhavus tradukon de la verkoj, sekve de la ideoj naciaj ; kaj tiamaniere, kie oni legas jam Esperanton, tie oni legus la ĉefajn verkojn de tiu iniciatora popolo, kiu rikoltus, ĉu ne vere, la tutan profiton !

Kaj tio okazus sen impono de la malfacilaĵoj de ĝia lingvo !

***

Mi montros la difektaĵojn de niaj lingvoj, kun ekzemplo de formigoj kaj aliformigoj ĉiamaj kaj senkonsciencaj ; kaj tamen mi detale montros kial oni amas sian gepatran lingvon, kial oni amos ĉiam ĝin ; kaj oni scios ke, pro la samaj kaŭzoj montrotaj, oni povas ami nur unu lingvon, oni povas plene koni nur unu lingvon. Mi juste detruos tiun diraĉon : « Ĉie oni iras per franca, angla kaj germana lingvoj » tio estas nur vera por tiuj, kiuj vojaĝas en sia ĉambro.

KOMANDANTO CH. LEMAIRE.

*Tradukis Jos. Jamin.*

---

## KLARIGO.

Kelkaj esperantistoj rogas de la Belga Sonorilo ĝian opinion pri la teksto de ia karto pri novjaro :

Sinjoro K.

prezentas al vi siajn plej bonajn bondezirojn.

Tiu formo havas neutilan ripeton : pleonasmon. Krom tio la frazo estas korekta, sed ĝi estas « peza » pro la amaso da akuzativoj. Estas traduko laŭvorte el la flandra aŭ franca lingvoj.

Esperanto estas lingvo « nepeza » kaj sonora, oni plibone elektos tiun formon :

Sinjoro K.

Kun plej bona novjara deziro.

## Reciproke.

Iu ricevis neafrankitan leteron, kiu bezonis tre multe da transporta pago. Li tamen akceptis ĝin sed, malferminte la leteron, li nur legis tion ĉi : « Via amiko fartas bone ».

Li ridis (eble kontraŭguste) kaj, la sekvantan tagon, li sendis grandegan pakaĵon al la farsinto kaj ankaŭ ne afrankis ĝin. La ricevanto elpagis senriproĉe la grandan transsendan koston, esperante ke li baldaŭ estos rekompencata per la enhavo de la pakaĵo. La kovrilo enhavis pezan ŝtonon kaj la avizon : « Kiam mi sciiĝis pri via bona farto, la jena ŝtono falis de mia koro ».

THEDDY.

## INSTITUTO PRI INTERNACIA LEĜOSCIENCO.

Tiu Instituto estas kreita antaŭ 33 jaroj, en Gento, de Sinjoro Rolin-Jacquemyns, Gentano, kiu fariĝis konsilisto de l' Reĝo de Siam, kaj mortis antaŭ kelkaj jaroj. S° Rolin-Jacquemyns estis unu el la plej eminentaj scienculoj kiuj okupis sin pri internacia leĝoscienco. Tiujare la Institutanoj kunvenis en Gento sub prezido de S° A. Rolin, frato de l' kreinto kaj profesoro en la Genta Universitato. El lia grava parolado malferma, ni sciiĝas ke la kerno de l'Instituto lia konsistis el la dek scienculoj kiuj respondis al la iniciatoro, kaj estis S°ⁱ Besobrasof, el St Petersburg ; Bluntschli, el Heidelberg ; Calvo, el Buenos-Ayres ; Field, el New-York ; de Laveleye, el Liége ; Lorimer, el Edimburg ; Mancini, el Romo ; Asser, el Amsterdam ; Moynier el Genève, kaj Pierantoni, el Romo ; el ili, nur la tri lastaj estas ankoraŭ vivantaj. La nombro da Institutanoj iom post iom pligrandiĝis tiamaniere ke, nun, la Instituto konsistas el 50 membroj kaj 50 Societanoj, elektitaj inter la plej gloraj internacia-leĝaj scienculoj de l' tuta mondo. La celo de l'Instituto estas pristudi ĉiujn demandojn pri internaciaj rilatoj inter ŝtatoj kaj privataj personoj, kaj fariĝi anaro aŭtoritat-hava kiu agos flanke de l' diplomatiistoj, science starigante la principojn de l' internacia leĝoscienco.

La Instituto, tial, sin okupas pri la demandoj plej nuntempaj kaj novaj en tiu scienca fako. Ĝi rekomendis, de 1874, al la ŝtatoj, aranĝi iliajn konfliktojn per arbitracio, kaj tiu rekomendo estas jam ofte atentita. Ĝi fiksis decidojn gravajn pri la protekto de l' Suez'a kanalo kaj de l' submaraj kabloj ; ĝi pritraktis demandon pri protekto de l'privata propraĵo malamika dum maraj militoj k. c., kaj ankaŭ multajn demandojn pri puna kaj komerca leĝoscienco internacia.

La influo de l'Instituto en reguligo de l' Hag'a konferenco kaj en diversaj leĝaroj naciaj, estas rimarkinda.

Ĉiujare la Institutanoj kunvenas en alia lando kaj en la tiujara kunsido en Gento, kiu daŭris de l' 20ª ĝis la 27ª de Septembro, ĝi decidis ke ĉiu milito devas esti antaŭirata de deklaracio ; ĝi prilaboris regularon pri la rajtoj kaj devoj de la neŭtralaj ŝtatoj dum milito ; ĝi pristudis demandon tute novan pri la aerostatoj, la senfadena telegrafio kaj la submaraj esplodiloj kaj torpedoj.

### Unuiĝo frata internacia.

Unu el la membroj de l' priparolita Instituto pri internacia leĝoscienco, Sir Thomas Barclay, estas kreinto de tiu Unuiĝo : en Majo 1905ª, li havis kiel kunorganizantojn, S°ⁿ John Burns, deputato de l' ministoj ĉe la brita regnestraro, kaj S°ⁿ Allen Baker, parlamentano, kaj post unu jaro la Unuiĝo enhavas jam pli ol 750,000 anoj ! Tiu rapida disvolviĝo devenas de l' ĝustatempa celo mem de l'Unuiĝo kiu estas : « grupigi ĉiunaciajn homojn por estigi sentojn amikajn inter la popoloj kaj senkuraĝigi ĉiujn emojn por reciproka ĵaluzeco kaj malkonfido. » La rimedoj por tio estas plej diversaj, sed unu estas precipe fruktoporta : la vizitoj internaciaj. Tiam vizitou faris jam delegacio de l' sindikatoj laboristaj el Leicester al la estraro de l' komunuma konsilantaro pariza, dum kiu estis elparolataj tiuj vortoj : « Sin pli bone koni internacie, estas sin ami. » — S° Barclay estas senlaca propagandisto por sia kreitaĵo : dum la lastaj monatoj, li vojaĝis senĉese tra Eŭropo kaj Ameriko kaj faris pli ol 500 paroladojn ! Ofte li estas matene en ia urbo, kaj vespere li parolas en alia, je 700 kilometroj pli malproksime, haltante eĉ intertempe en diversaj lokoj por varbi novajn aliĝantojn. Por atingi tian aktivecon, S° Barclay kutimiĝis dormi *ĉie*, tiamaniere ke inter du agoj, li ripozigas plene sian cerbon.

## REĜO KAJ ESPERANTO.

*Eltirita el « The Daily News » January 3th 1907.*

Je la dua kunsido de la ĉiujara kongreso de la Nacia Asocio de ĉefinstruistoj, kiu okazis je la 3ª de Januaro 1907, Doktoro J. C. O' Connor (Londono) diris ke li estas Esperantisto, sed li ne kredas ke Esperanto iam sukcesos escepte se la granda instruistaro de la lando instruu ĝin.

Estas multe da Esperantistoj, sed neniom da instruistoj. Esperanto plivastiĝas nuntempe kaj la gazetaro tion ekvidas. Kiam li komencis sian esperantan agadon, unu el la ĉefaj ĉiutagaj gazetoj el Londono honoris lin per artikolo en kiu la skribanto diris : « de nun, ni disiĝas de D<sup>ro</sup> O'Connor kaj de lia frenezeco. Jen estas nia lasta vorto pri Esperanto. »

Antaŭ 2 jaroj okazis kongreso en Boulogne, kaj apenaŭ li estis reveninta de du tagoj, kiam tiu redaktoro petis ke li skribu serion da ĉiutagaj artikoloj pri Esperanto.

Oni instruas Esperanton en la *Continuation Schools* (popolaj vesperaj lernejoj por tiuj kiuj intencas daŭrigi sian lernadon) kaj en multe da taglernejoj en Londono.

La komercaj Ĉambroj konfesis ĝian gravecon kaj la Nacia Asocio de Instruistoj metis ĝin en la programo por sia ekzameno kiu okazos en proksima Marto.

Je la Kristnaska mateno, li ricevis ĉarmegan Kristnaskan karton de la Reĝo Eduardo, kiu diris ke li akceptis grandplezure la lernolibron kaj vortaron de D<sup>ro</sup> O' Connor, kaj ke li ĝojis aŭdi pri lia laborado.

Tradukis HAROLD PALMER.

*Eltirita el « La Suno Hispana » Decembro 1906.*

Esperanto en la Reĝaj palacoj.

Oni tre bone scias ke la Greka reĝo estas ankaŭ fervora amanto de nia kara lingvo, kiun li lerte parolas, kaj estas pruvo ke li faras propagandon en sia familio.

La sciigo, kiun ni legis en « The Daily Chronicle » de la 26ª de Novembro, t. e. ke la princo Olaf el Norvegujo lernas esperanton, same faras la princoj de la Reĝa familio Angla.

## RECETTES CULINAIRES.

### Pot-au-feu écossais.

Couper en petits morceaux carrés un kilog. de rond de bœuf, y adjoindre quelques morceaux de gras de bœuf et placer le tout dans une marmite contenant quatre à cinq litres d'eau. Quand l'eau entre en ébullition, écumer, puis ajouter trois poireaux, trois carottes découpées menu et un bouquet garni. Dans l'intervalle, couper en morceaux un kilog. de pomme de terre, les faire blanchir et les insérer dans le pot-au-feu, joindre successivement un chou-rave et deux pieds de céleri en branches. Laisser au feu jusqu'à cuisson des différents légumes et de la viande. Quand le tout est à peu près cuit, fondre 50 grammes de beurre délayé dans une cuillerée de farine d'avoine, l'amener au roux foncé; mouiller ce roux avec le bouillon, le condimenter d'une sauce aux champignons en bouteille, le verser dans la marmite. Saler, poivrer, laisser reprendre un moment l'ébullition.

Le bouillon se verse dans une soupière et la viande entourée des légumes se sert dans un plat, le tout aussi chaud que possible.

## KUIREJAJ ORDONOJ.

### Skotlanda Potsupo.

Tranĉu kvadrate malgrandajn pecojn da bova plen-viando po unu kilogramo, aldonu kelkajn pecoj da bova grasaĵo, kaj metu ĉion en bolpoto enhavanta de kvar ĝis kvin litrojn da akvo. Kiam la akvo ekboliĝas, ŝaŭmu, sekve aldonu tri porelojn, tri karotojn maldike distranĉitajn kaj « bukedon » da aromataj herboj. Intertempe, tranĉu pece po unu kilogramo da terpomoj, « blankigu » ilin kuire, kaj enlokigu en la potsupo, aldonu intersekve unu rapa-brasikon kaj du radikojn da celerio kun foliaĵo. Lasu sur fajro ĝis kuiro de la diversaj legomoj kaj de la viando. Kiam ĉio estas preskaŭ kuirita fandu 50 gramojn da butero dissolvita en plenkulero da avena faruno, kuiru ĝis « malpala flavruĝo » ; akvumu tiun « flavruĝaĵon » per la bolsupo, spicu ĝin per saŭco kun fungoj el botelo, versu en la kaldrono. Salu, pipru, lasu rekomenci la bolon dum momento.

La bolsupon oni verŝas en supujo kaj la viandon, ĉirkaŭitan de la legomoj, oni prezentas en plado, ĉio tiel varma kiel eble.

VATELINO.

---

## DIVERSAĴOJ.

**La simioj parolos.** — Tion certigas grava scienculo..... amerika. Li rimarkis ke sennaza homo elparolas nur nekompreneblajn sonojn. Li do tre logike konkludis ke se la simioj ne estas kapablaj elparoli vortojn, tio devenas nur pro nesufiĉa grandeco de ilia nazo, kaj nia doktoro naz-scienca ne malpli logike opinias ke oni bezonus nur kreskigi ĉe simia kapo, homan nazon, por kapabligi niajn malaltgradajn fratojn trouzi, kiel ni, nian babilemon.

Oni eĉ diras ke la amerika doktoro fortranĉos sian propran nazon por ĝin alglui al la vizaĝo de la unua kiun oni alportos al li, ĉar kie estus ja trovebla homo amanta sufiĉe simion por volonte donaci sian nazon al tiu homa (ne ! besta) speco ?

**Superstiĉo de Gœthe.** — El antaŭvorto kiun Blaze de Bury estis skribinta por la traduko de Faust, aperas ke Goethe estis tre superstiĉema. Tion pruvas jena anekdoto :

Post la kunveno en Erfurth, Napoleono estis donacinta sian miniaturan portreton al Gœthe kaj ankaŭ la ateston de l' Honora Legio. Tiu portreto, pendigita proksime de l' spegulo de lia dormoĉambro, estis fariĝinta por Gœthe kvazaŭ idolaĵo. Okazis la malvenko de Waterloo. Gœthe, eksciiĝinta, rifuzas kredi tion, kaj eĉ riproĉas al la vizitantoj kiuj persiste disrakontas la okazintaĵon.

Sed, vespere, kiam li eniris sian dormoĉambron kaj serĉas la miniaturon, li ĝin trovas, kuŝanta sur la plankaĵo. Li silente haltas dum momento, kaj kiam lia sekretario estis levinta la portreton, li diras : “ Kion tio signifas ? Ĉu efektive la novaĵo de hodiaŭ matene estus vera ? ”

**Por la blinduloj.** — En Rumanujo ekzistas, laŭ artikolo kiun eksreĝino Carmen Sylva publikigis en *Neue Freie Presse*, almenaŭ 20,000 blinduloj ne flegeblaj en specialaj blindulejoj. Tial ŝi klarigas la ideon pri kreo de blindula kolonio en kiu ĉiu el tiuj malfeliĉuloj lernus apartan metion por mongajni per ĝi. Carmen Sylva opinias ke tiel naskiĝus civilizacio blindula aparta kaj progresema, ĉar la blinduloj pli ol viduloj estas kapablaj pripensi ian aferon. Ŝi nomas sian kolonion, prave, ŝajnas : La Lumfonto.

En tiu afero tre utilus elpensitaĵo de S° Theodorescu, blindulo kaj speciala sekretario de l' Reĝino : tiu sinjoro, efektive, faris skrib- kaj presmaŝinon por blinduloj, tre facile uzeblan, kaj taŭgan por ĉiuspeca laboro : Tiamaniere estus preseblaj por blinduloj verkoj literaturaj kaj sciencaj, multe pli malmultkoste ol per la nunaj Braille'aj reliefaĵoj. Ĉu tio ne estas atentinda por ni, Esperantistoj?

---

## « WALLONA » RAKONTETO.

### La puno de la lupo.

En nia lando estis lupo, kiu manĝis multe da ŝafinoj kaj ŝafidoj, da kaprinoj kaj kapridoj. La farmmastroj tre plendis pri ĝi, ĉar ĝi ne estis satigebla. La vilaĝanoj ekĉasis por klopodi rompi ĝian kapon. La sinjoroj estis promesintaj ilin regali, kiam ili estos mortigintaj la beston. Tial, ĉiuj kuris al ĉaso kiel al festo.

Oni serĉis ĝiajn paŝsignojn sur la neĝo; oni ĝin persekutis, oni pafis, oni maltrafis, kaj oni diris ke la diablo en tio sin ekmiksigas. (La diablo estas tre utila por la ĉasistoj ; ili emas kulpigi ĝin pri siaj mallertaĵoj).

Fine tamen, iu, kiu estis preparinta kaptilon, ekkaptas nian rabiston je piedego. Oni enŝnurigas ĝin, kaj por ke ĉiu havu la plezuron vidi ĝin suferi kaj morti, oni fortrenas ĝin al la placo de la vilaĝo. Ĉiuj alkuras, ĉiuj ĉirkaŭas la lupon.

— Kiamaniere, oni diras, ni ĝin mortigos?

— Mi, diras la unua, mi ĝin unubate mortigos ; per mia martelo mi rompos ĝiajn ostojn.

— Ne! diras la dua, ni suferigu ĝin pli longdaŭre ; per pinĉilego ni fortiru ĉiujn ĝian dentojn ; ĉar laŭ mia opinio, besto, kiu tiom mordis, devas pentofari per tio, per kio ĝi pekis.

La tria diris :

— Oni devas ĝin puni jene : ni ĝin senhaŭtigos vivantan, kaj tra la kampoj ni ĝin forpelos senĉemizigitan.

Bona maljunulo, kiu ĝis nun nenion estis dirinta, (li havis grandan sperton) antaueniras kaj diras :

— Miaj amikoj, por ĝin bone puni, jen mia opinio : ni ĝin edzigu ! Tio estas la plej granda puno, kiun oni povas eltrovi.

Laŭ versaĵetoj de D^ro^ VERMER en Beauraing,
*trad.* D^ro^ MELO.

## BIBLIOGRAFIO.

*Ĉe F. Wenk, Albananlage, 7, Basel (Svisujo).*

**Wilhelm Tell**, kvinakta dramo de Schiller; laŭ *la versmetro de la germana originalo, esperantigita de L. E. Meier.* fr. 1,70

Tiu libro estas jam priparolita en *Belga Sonorilo* junia (p.112ª). Ĝi estas ja nova grava afero por nia lingvo, malgraŭ kelkaj eraretoj renkonteblaj: la aŭtoro uzas iom tro ofte la senvostigon de ĉiuspecaj gramatikaj finaĵoj: substantivo kaj adjektivo, verbo kaj adverbo, la akuzativa *n* kun la multnombra signo *j*. Oni renkontas la vortojn *ankor', inteligon* kaj *senint-eliga*, anstataŭ *ankoraŭ, inteligenton* kaj *seninteligenta* (eble pres-eraroj).

Iom teda ŝajnas la ofta uzo de l' vorteto *do*. Oni povus iafoje ĝin anstataŭigi per *ja*; eble ankaŭ per *nu*.

Tiuj eraretoj verŝajne malaperos kiam oni pretigos la duan eldonon. Ili deprenas nenion de la funda valoro de la libro, tre leginda de tiuj kiuj ne povas kompreni la germanan tekston.

---

*Ĉe Typografia moderna, Avellanas, 11, Valencia (Espagne):*

**Kuracisto por batoj**, triakta proza komedio de Leandro Fernandez Moratin, *tradukis Vicente Inglada* . . . fr. 0,50

Tiu ĉi verketo estas publikigita po kajeretoj kvarpaĝaj en *La Suno Hispana*, kaj nun eldonita en aparta broŝuro. La nomo de la tradukinto estas rekomendo sufiĉa. La tralego de « Kuracisto per batoj » estas agrabla, interesa, instruo plena: la leganto tuj sentas kiom la tradukinto pristudis kaj zorgis sian taskon, kiom li penas uzi la ĝustan vorton.

Oni riproĉos nur unu afereton al la tradukinto: ke li eĉ nur kelk-linie, ne koniĝis la aŭtoron al sia legantaro, ĉar ni dubas, ĉu, ekster la kleruloj, iu nehispano scias ke Moratin vivis de 1760 ĝis 1828, ke li precipe alfaris al hispana lingvo alinaciajn teatraĵojn, ke « Kuraciston per batoj » li prunteprenis el Molière, k. c. La celo, kiam oni tradukas naciajn aŭtorojn, estas ja ilin konigi al la tuta mondo, kaj noteto biografia estas nepra plenigo kompreniga por la traduko.

---

*Ĉe la aŭtoro, Sº Jimenez Loira, strato Paz 20, Valencia (Hispanujo).*

**Verba Amuzaĵo**. . . . . . . . . . . . . . . » 0,10

Sub logika kaj amuziga formo, intersekvantaj frazoj donantaj, kun hispana traduko, la precizan signifon kaj uzon de ĉiu esperanta verba formo.

---

*Ĉe Sº Ĉejka, en Bystrice-Hostyn (Moravujo):*

**Esperanto**, *vortaro Esperanto Česky* . . . . . fr. 0,90

**Esperanto**, *neutralni jazik mezinarodni*, klarigo de la gramatiko. . . . . . . . . . . . . . . . » 0,20

**Esperanto**, *neutralni jazik mezinarodni*, gramatiko kun la ekzercaro de Dº Zamenhof, el la kolekto aprobita . . . . . . . . . . . . . . . » 1,10

**El la historio de Esperanto**, *letero pri la deveno de Esperanto, paroladoj de Dº Zamenhof kaj K. Bein*. . . . . . . . . . . . . . . . » 0,35

---

**Esperanto-Leitfaden**, . . . . . . . . . . » 0,25 mallonga klarigo de la gramatiko, kun praktikaj ekzercoj kaj vortareto; bonega propagandilo por Germanoj.

---

*Ĉe Librejo Hachette, 79, Boul. St. Germain, Paris;*

**Eneido**, de Virgilio, trad. *Dº Vallienne* . . . . . » ?

Jam ekzistis tradukaĵo de l' kantoj I kaj II.

Dº Vallienne daŭrigis, kaj prezentas nun la tuton. Ŝatinda afero, por tiuj kiuj ne havis okazon lerni la latinan lingvon kaj, sekve, ne povas legi la originalon.

**L'Héritage Klodarec**, unuakta komedio, franclingva, de *Sº de Ménil* . . . . . . . . . . . . . . » 0,75

Propaganda teatraĵo, alpreninda kaj ludinda de ĉiuj grupoj en franclingvaj landoj.

Iu notario ne ŝatas ke lia ĉef-oficisto legu esperantan gazeton, kaj forpelas lin pro tio. Sed jen alvenas du klientoj: unu hispana, unu germana, kies ambaŭa kunhelpo estas necesa por aranĝi heredaĵon el kiu la notario estas ĉerponta gravan profiton. La klientoj ne interkomprenas sin, kaj ankaŭ ne komprenas la notarion.

Subite, ili vidas ke la forpelita, tuj elironta, oficisto tenas en sia mano esperantan gazeton kies titolo aperas antaŭ iliaj okuloj. Kaj ili ambaŭ ekkrias:

« Ĉu vi parolas Esperanton ? »

Oni antaŭsentas la finon.

Kial oni ne tradukus tiun komedion en aliaj lingvoj.

---

*Ĉe Sº Delmas, eldonisto, 10, rue St Christoly, Bordeaux, (Francujo):*

**Delmas'aj helpaj bildoj**, *por la praktika instruado de l' modernaj lingvoj per bildaro.*

Vere oportuna sistemo por instrui la fremdajn lingvojn per la senpera metodo: desegnaĵoj ĉu sur grandaj folioj por pendi ĉe l' muro, ĉu en kajeroj kunporteblaj. Ili prezentas scenojn de la ĉiutaga vivo, kaj ĉiu objekto, ĉiu persono havas numeron kiu resendas al

**Klariga libreto**. Tiu ĉi ekzistas en diversaj lingvoj: franca, germana, angla, itala, hispana, rusa, esperanta, flandra.

La esperanta libreto estas verkita de *Sº de Beaufront.*

Jen la prezoj:

1ª kajero, 6 bildaj folioj . . . . . . . . . . fr. 2,00
2ª » 10 » » . . . . . . . . . . » 3,00
Muraj folioj, koloraj, 90 c. × 1.29, kun lignaj vergetoj:
1ª serio, 6 bildaj folioj . . . . . . . . . . » 25,00
2ª » 10 » » . . . . . . . . . . » 41,00
Plena kolekto . . . . . . . . . . . . » 61,60
1 folio izola. . . . . . . . . . . . . » 4,60
Klariga libreto, franca-lingva . . . . . . . . » 0,85
» » rusa-lingva . . . . . . . . » 2,00
» » de ĉiuj aliaj, jam montritaj, lingvoj » 1,25

Jen estas iloj vere bonaj ne nur por instrui Esperanton, sed ankaŭ fremd-naciajn lingvojn.

Ĉiuj grupoj devas aĉeti la tutan aron, se ili estas sufiĉe riĉaj; ĉar multaj grupanoj povos, el tiu eldonaĵo, ĉerpi profiton neantaŭviditan.

---

En Loveno, la 28ª de Dec. 1906.

Al la tre honorinda Prezidanto kaj al la tre estimataj komitatanoj de la Belga Ligo esperantista.

Karaj Sinjoroj !

Mi havas la honoron sendi al vi ekzempleron de la esperanta gramatiko kiun mi eldonis antaŭ kelkaj semajnoj.

Vi bonvolos rimarki:

1º) ke mia verketo estas tute konforma je la Zamenhofaj reguloj;

2º) ke ĝi enhavas ĉion kio estas necesa por bone legi kaj por plej korekte redakti per ĝi;

3º) ke ĝia duobla metodo celas fari lertajn esperantistojn kiuj redaktos per vera esperanta stilo;

4º) ke ĝia duobla enhavtabelo permesas al ĉiuj, eĉ al tiuj kiuj neniam lernis Esperanton, tuj korekte redakti esperante kaj tuj respondi ĉiujn gramatikajn demandojn;

5º) ke ĝi estas tute originale verkita, alivorte, ke ĝi estas propra, persona verko;

6º) ke ĝi enhavas multajn novajn rimarkojn kaj konsilojn kiujn oni serĉus vane en aliaj similaj libroj;

7º) ke, pro ĝia malalta prezo, ĝi ne celas mongajnon por sia verkinto, sed nur propagandon por Esperanto;

8º) ke ĝi invitas siajn legantojn aboni je la Belga Sonorilo, aniĝi en la Belga Ligo esperantista, aĉeti la verkojn de belgaj esperantistoj, kaj mendi esperantajn librojn presitajn en Belglando;

9º) ke ĝi do estas vera belga entrepreno.

Tial mi esperas
ke ĉiuj esperantistoj subtenos mian entreprenon;
ke precipe miaj samlandanaj samideanoj min helpos en ĝi;
ke la Estraro de la Belga Ligo esperantista decidos, per sia duonmonata gazeto konatigi mian libreton;
ke la Liga komitato donos al mi sian moralan kaj monan helpon, ĉu mendante nombron da ekzempleroj, ĉu donacante helpmonon, ĉu per ĉiu alia rimedo.

Mi prezentas al vi, Karaj Samideanoj, kun miaj plej sinceraj salutoj kaj, okaze la jarkomenco, miaj plej koraj bondeziroj, mian plenan dankon.

E. Mathys, filo.

# Principaux Manuels en langue française.

*en vente aux dépôts de la Maison* HACHETTE & C[ie] *et chez* SPINEUX & C[ie] *à Bruxelles.*

**Grammaire et exercices de la Langue Internationale Esperanto** par L. DE BEAUFRONT. fr. 1.50
**Corrigé** de cet ouvrage . . . . . . . . . . . . . » 0.75
**L'Esperanto en 10 leçons** par TH. CART et M. PAGNIER . . . . . . » 0.75
**Corrigé** de cet ouvrage . . . . . . . . . . . . . » 0.50
**Dictionnaire Esperanto-Français** par L. DE BEAUFRONT. . . . . . . . » 1.50
**Vocabulaire Français-Esperanto** par TH. CART, M. MERCKENS et P. BERTHELOT . » 2.50
**Thèmes d'application** par L. DE BEAUFRONT . . . . . . . . . » 2.00
**Cours complet d'Esperanto**, par le COMM[t] MATTON . . . . . . . . » 1.50
Tous ces prix s'entendent : port en plus.

# Nederlandsche Handboeken.

Bij den schrijver te Hilversum (Holland): **Volledig Leerboek der opkomende wereldtaal Esperanto**, door DREVES UITTERDIJCK, Trompschool, Hilversum : fl. 1.50 (fr. 3.25)
Bij den drukker van *La Belga Sonorilo*, Nieuwe Wandeling, 4, Brugge : **Het Esperanto in 10 lessen**. . . . . . . . . . . . . . fr. 0.50
Verzendingskosten daarboven.

## Belgaj Ligaj Grupoj.

**Antverpena Grupo Esperantista.** Prezidanto : D[ro] RAYM. VAN MELCKEBEKE, 22, avenue des Arts, Anvers.
Sidejo : Taverne Royale, 39, place Verte, Anvers.

**Esperantista Societo**, en Verviers. Prezidanto : S[ro] EDOUARD MATHIEU, 45, rue de la Montagne, Verviers.
Sidejo : 20, Place Verte, Verviers.

**Grupo Esperantista**, en Huy. Prezidanto : S[ro] THIRY, commissaire-voyer, Huy.
Sekretario : A. LANDENNE, Ahin-lez-Huy.

**Grupo Esperantista**, en Liége. Prezidanto : S[ro] E. DE TROYER, 28, Rue César Franck, Liége.
Sekretario : S[ro] ANSIAUX, 29, rue S[t] Gilles, Liége.

**Grupo Esperantista**, en Bruges. Prezidanto : A-J. WITTERYCK, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

**La Semanto**, Grupo en Laeken. Prezidanto : H. CALAIS, 23, rue du Chemin de Fer, Bruxelles.

**Grupo Esperantista**, en Duffel. Prezidanto : D[ro] L. JACOBS, Duffel.

## Aliaj Belgaj Grupoj.

**Section Espérantiste**, du Cercle Polyglotte de Bruxelles.
Secrétaire : LUC. BLANJEAN, 83, rue du Collège, Ixelles-Bruxelles.

**Esperantista Lovena Grupo**, en Louvain. Prezidanto : S[ro] Advokato EDM. VAN DIEREN, Zwarte Zusters straat, 10, Louvain.

**Liera Grupo Esperantista**, en Lierre. Prezidanto : MENGAL, kapitano komandanto, Lierre.

**Grupo de la garnizono**, en Namur. Prezidanto : BISMAN, Kapitano de la 13[a] linia regimento.
Sidejo : Hôtel de Hollande, Namur.

**Aliaj Grupoj** en St. Gilles, Namur, Malines. k. c.

## Publications Espérantistes belges.

Esperantaj Belgaj Presajoj

Ce : A. J. Witteryck, 4, Nlle Promenade. Bruges.

**Het Esperanto in 10 lessen**, de A.-J. Witteryck 0.50
**Paĝoj el la Flandra Literaturo**, kolektitaj kaj tradukitaj de Dro Maurice Seynaeve kaj Dro Raym. Van Melckebeke . . . . . 1.50
**Blinda Rozo** de Hendrik Conscience, esperantigita de Srino Edm. Van Melckebeke-Van Hove. . . . . . . . . . . . 1.00
**Tra Mez-Afriko**, de Kto Ch. Lemaire. . . . . 2.50
**Companion** of the English Esperantist, by A.-J. Witteryck. . . . . . . . . . 0.50
**Kelkaj floroj esperantaj**, 3 broŝuretoj de A.-J. Witteryck. . . . . . . aparte 0.20

Ĉe : Sro E. Mathys.
Augustijnenstraat, 5, Louvain.

**Manuel complet** de langue Internationale Esperanto . . . . . . . . . . . 0.30

Ĉe : Madame P. Dubois.
Grande Imprimerie du Centre, La Louvière.

**Cours méthodique**, d'Esperanto publié par « L'Instituteur Belge » . . . . . . . . 0.65

Ĉe : We Demarteau-Thys & Zoon.
Hasseltschestraat, 21, Tongeren.

**Het Wetenschappelijk** vraagstuk eener kunstmatige taal, door J. Neerdaels . . . . 0.50

**Aldonu la koston de la sendo.**

Ces prix s'entendent port en plus. | Bij deze prijzen zijn de verzendingskosten niet gerekend.

# L'ESPERANTO.

**Solution du problème de la Langue Internation. auxiliaire**

BROCHURE DE PROPAGANDE.

*NOUVELLE ÉDITION. — 1 JANVIER 1906.*

| | | |
|---|---|---|
| PRIX : | Un exemplaire . . . . | 0.15 fr. |
| | 10 exemplaires . . . . | 1.00 » |
| | 20 » . . . . | 1.50 » |
| | 50 » . . . . | 3.00 » |
| | 100 » . . . . | 5.00 » |

Specimen gratuit
S'adresser à M. J. COOX, à Duffel. (Belgique).

## La Belga Sonorilo.

Cette revue, l'un des plus anciens journaux Espérantistes, est l'organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge ». Elle est rédigée en grande partie en Esperanto avec traductions en français et en flamand.

Elle parait régulièrement deux fois par mois.

Envoi d'un numéro spécimen sur demande.

Abonnement avec inscription à la Ligue :
7 francs par an.
Adressez les demandes d'abonnement à
M. J. COOX, à Duffel.
(Belgique).

### ANNONCES COMMERCIALES DE « LA BELGA SONORILO »

Commerçants!

Nulle publicité n'est plus avantageuse, plus profitable, mieux estimée que celle des journaux Espérantistes, qui sont lus, conservés ou échangés par des milliers d'adeptes. Les Espérantistes lisent leurs journaux avec le plus grand intérêt; ils aiment à favoriser de leurs ordres les commerçants Espérantistes.

Sauf avis contraire, les annonces seront rédigées en Esperanto.

*PRIX DES ANNONCES POUR UN AN:*

| 1 page | 1/2 page | 1/4 page | 1/8 page | 1/16 page |
|---|---|---|---|---|
| 140 frs. | 80 frs. | 50 frs. | 30 frs. | 18 frs. |

Conditions spéciales suivant convention.
S'adresser à

Dit tijdschrift, een der oudste der Esperantische bladen is het officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond. » Het wordt grootendeels in Esperanto opgesteld met vertalingen in Fransche en Nederlandsche taal.

Het verschijnt regelmatig tweemaal per maand.

Een proefnummer wordt op aanvraag toegezonden.

Abonnement met inschrijving bij den Bond :
7 frank per jaar.
Abonnementsaanvragen te sturen aan
den heer J. COOX, te Duffel.
(België).

### HANDELSAANKONDIGINGEN DER « BELGA SONORILO »

Kooplieden !

Geene publiciteit is degelijker en voordeeliger, geene is meer gewaardeerd dan die der Esperantische bladen, die gelezen, bewaard en geruild worden door duizenden aanhangers. De Esperantisten lezen hunne bladen en met de grootste belangstelling; zij schenken gaarne hunne bestellingen aan de Esperantische kooplieden.

Behoudens tegenovergesteld verlangen, worden de aankondigingen in Esperanto opgesteld.

*PRIJZEN DER AANKONDIGINGEN PER JAAR:*

| bladz. | 1/2 bladz. | 1/4 bladz. | 1/8 bladz. | 1/16 bladz. |
|---|---|---|---|---|
| 140 fr. | 80 fr. | 50 fr. | 30 fr. | 18 fr. |

Bijzondere voorwaarden volgens overeenkomst.
Men wende zich tot den

M. J. COOX, Duffel.
(Belgique).

**La Signo Esperantista**
estas
**LA VERDA STELO**
kaj
la verda stelo estas la SIGNO « GASSE »
la plej bela, — malkara, — simbola kaj scia, vere disvastigita internacie rekonilo esperantista ; ne estante ŝtofa, ĝi ne difektiĝas.
Prezo fr. 1.00 afranke en Belgujo. Sin turni al So COOX, Duffel.

**IMITAĴOJ (1a ELEKTO)** de poŝtmarkoj de Francujo, Belgujo, Monako, Kongolando, k. c. ; kolonioj germanaj (tipo « aglo ») kaj francaj. Prezaro de 2000 diversaj tipoj kun specimeno senpage.
**F. FOURNIER, rue du Rhône, 11, Genève (Svisujo).**
Leĝe patentita sub no 16062. 24 premioj ĉe Internaciaj Ekspozicioj. (59)

**SPINEUX & Co, Bruselo,**
POLIGLOTA LIBREJO, FONDITA EN 1833
62, MONTAGNE DE LA COUR,
*Riprezentanto de LA BELGA SONORILO.*
Vendas ĉiujn Esperantajn librojn.
**KORESPONDAS ESPERANTE.**
TELEFONO No **3688**.

**The British Esperantist**
Oficiala monata organo de la Brita Esperantista Asocio ; 12 paĝoj da novajoj k. c. angle-esperante, kaj 8 paĝoj da Aldono. Jare 4 fr. (sen Aldono, 2 fr.) Oni abonas ĉe la Sekretario de la B. E. A., 13, Arundel Street, Strand, London.

**Sinjoro Mathouillet,**
ano propaganda de S.P.P.E., kaj rajthavanto de l' tre potenca firmo por burgondaj vinoj **CHAMPY PÈRE ET FILS**, el Beaune, (Bourgogne), loĝos en **Hôtel d'Harscamp**, en Namur, de la 1a de Novembro ĝis fino de Marto.
Li deziras trovi seriozajn agentojn en la urboj : Chimay, St Trond, Ramillies, Landen, Couthuin, Fosses, Fleurus, Diest. (55)

**L'Union Postale Universelle**
**La Poŝta Universala Unuiĝo**
ĈIUMONATA INTERNACIA ĴURNALO
EN RUSA KAJ ALIAJ LINGVOJ.
APERAS LA 1an DE ĈIU MONATO.
*Abonkosto : 5 frankoj aŭ 2 rubloj.*
*Unu numero : 20 kopekoj.*
Sin turni al la Redakcio : strato Mario No 3, log. 6 en Riga aŭ al Societo « ESPERO » Bol. Podjaĉeskaja, no 24, log. 12 en Peterburgo.
**Redaktoro : Sro W. E. Tscheschichin.**

LUEBLA.




**Mekanika bindilo**, kun risorta dorso, por Belga Sonorilo kaj Tra la Mondo.
Oportuna kaj praktika por konservi sendifekte la gazetojn.
Prezo, afranke en Belgujo, fr. 2,50
» eksterlanden » 3,00
Ĉe So WITTERYCK, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

**Northern Institute**
ÉCOLE COMMERCIALE DE LEEDS
**Cours spécial pour les Etrangers**
Seul moyen d'apprendre vite et bien la langue anglaise et le commerce.
**Cours de vacances spécial pour les élèves étrangers.**
(57) Directeur : M. A. C. POIRÉ.

**L'ANNONCE TIMBROLOGIQUE**
ĈIUMONATA ORGANO DE LA KOLEKTANTOJ
**de poŝtsignoj, ĵurnaloj kaj ilustritaj poŝtkartoj**
estas unu el la plej bonaj iloj por publikigo kaj por la interŝanĝantoj.
Ĝi ekzistas de 15 jaroj, kalkulas abonantojn en ĉiuj landoj de la mondo, kaj estas la OFICIALA ORGANO DE DEK FILATELAJ KAJ PRESAĴ-AMANTAJ SOCIETOJ; al ĉiuj membroj de tiuj societoj, ĝi estas sendata devige.
*JARA ABONO:* **2 frankoj** en ĉiuj landoj.
*MALGRANDAJ ANONCOJ:* **3 frankoj** por 12 enpresigoj po 4 linioj.
Sin turni al la Direktoro, **Sro ARMAND DETHIER, 66, rue Floris, Bruxelles, Belgique.**

# La Belgique

## artistique et littéraire,

*Revue*

NATIONALE DU MOUVEMENT INTELLECTUEL.

Paraissant en fascicules mensuels d'au moins 150 pages, **LA BELGIQUE** est la plus importante de nos publications périodiques. Elle publie des articles d'art, de littérature, de critique, d'érudition, etc., signés des noms les plus autorisés du monde intellectuel belge.

Tous les mois : **CHRONIQUE DES LIVRES** par Mme Blanche Rousseau, MM. Paul André, Arthur Daxhelet, Georges Dwelshauwers, Ernest Mahaim, Georges Marlow, Henri Maubel, Ed. Ned, Sander Pierron, Fernand Séverin, etc.

**LES SALONS** par Edmond Picard.

**LES THEATRES** par Paul André.

**LES CONCERTS** par Aug. Joly.

*ABONNEMENT :*

| | | | |
|---|---|---|---|
| BELGIQUE, | 1 AN : 12 FR. | 6 MOIS : 7 FR. | 3 MOIS : 4 FR. |
| ÉTRANGER, | » 15 FR. | » 9 FR. | » 5 FR. |

**LE NUMÉRO : 1 FR. 25 CHEZ TOUS LES LIBRAIRES.**

BUREAUX :

*26-28, Rue des Minimes, BRUXELLES.*

# " TRA LA MONDO "

## Tutmonda multilustrata revuo esperanta

Nuntempaĵoj ; arto, literaturo, sciencoj ; komerco, industrio ; militistaro, maristaro ; teatro ; sportoj ; virina kaj gejunula paĝo ; felietono ; ludoj, konkursoj kun valoraj monaj premioj.

Ciuj artikoloj estas verkitaj de anoj de l' landoj pritraktataj ; senpaga specimeno laŭ peto al Administranto de T. L. M., 15, Bd des 2 Gares, Meudon (S. O). France, kaj al Administranto de la Belga Sonorilo, en Duffel (Belgique).

# LINGVO INTERNACIA.

Centra organo de la Esperantistoj.

Duonmonata Gazeto tute en Esperanto : 5 fr. ; kun literatura aldono : fr. 7,50.

Presa Esperantista Societo

33, rue Lacépède, Paris Ve.

# Espero Pacifista

Monata organo de l'Internacia Societo Esperantista por la Paco. Jara abono (aŭ minimuma kotizo) : 5 fr. Krom avizo kontraŭa, la abonantoj estas enskribataj kiel aliĝantoj al la Societo. Tiu ĉi akceptas ankaŭ aliĝojn opajn. Sin turni al

**So GASTON MOCH, 26, rue de Chartres,**

*Neuilly-sur-Seine*, (Francujo).

LUEBLA.

LUEBLA..

# *La Revuo*

internacia monata literatura gazeto, kun konstanta kunlaborado de

Dro ZAMENHOF.

Ĉe Hachette k. Ko, 79, Bould St.-Germain, Paris.

Jare : Fr. 7.

# Praktika Revuo de Komercaj Sciencoj.

Redaktata en franca lingvo sub la direkcio de Sinjoro O. Orban, profesoro ĉe la Universitato de Lieĝo. — Eliras ĉiumonate dum naŭ monatoj, de la 15a de Oktobro ĝis la 1a de Aŭgusto.

**Unu numero :** 1.00 franko.

**JARA ABONO : Belgujo :** 5.00 frankoj.

**Alilando :** 7.50 frankoj.

**Sin turni al la Direktoro, 26, rue Basse Wez,** LIEĜO (LIÉGE).

# L'Espérantiste.

Organe de la Société Française pour la propagation de l'Esperanto ; rédigé en français et en Esperanto. Directeur : M. L. de Beaufront, *Louviers* (Eure, France)

Abonnement simple . . . . . . . fr. 3.50

Avec inscription à la Société . . . . fr. 4.00